# PENSEO

*N-ro 302*

*dec. / 2016*

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 27-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm**


## Anteo (Ĉinujo)



### malkuraĝulo

mi ne aŭdacas abandoni
boaton kaj esperon venki ŝtormon.
blinda mi luktas kontraŭ sinko
ŝnurante membrojn kaj ĝuas pacdormon.

2013.09.24

### deliraĵo de literaturisto

ravaj religio kaj filozofio
sur aero pentras ĉielskrapantaron.
kredaj aprezantoj vendas kaj aĉetas
tiujn nulajn ĉelojn kiel vivnektaron.

2013.09.23



### celoj delikataj

oni ofte salas frostajn vojojn
ne por lasi ilin pli bongustaj
sed mi iam pipras poeziojn
nur por teni langojn kontraŭrustaj.

2013.09.22



### historio

civilizacio besta incendiis
palacon plej luksan, eĉ ĥatojn opiis.
homa saĝo prenas cervon por ĉevalo,
azenas gebovojn kaj pavas en falo.

2013.09.22

## Guozhu (Ĉinujo)



### Gratulo al la Diamanta Jubileo de Esperantisteco de Guozhu




Guozhu, kun fidela verda koro,
vivas en Tero-vilaĝ' ermite,
pene fosas nian sulkon ŝvite,
senlace kaj ĉiam en fervoro.

Senĉese daŭras lia laboro,
dum ses jardekoj forpasis glite.
Guozhu, kun fidela verda koro,
vivas en Tero-vilaĝ' ermite.

Nun flugas gratuloj kun adoro
al la jubileulo elite
fama transmare kaj multmerite.
Ĉar kia laboro tia valoro.

Guozhu, la fidela verda koro.

## Petro Palivoda (Ukrainio)



### Memoro

**Al Ĥ.**

Diras vi, ke memoro
pli valoras ol oro...
Jes, sendube memoro
estas granda trezoro,
sed, laŭ mi, plej valora
estas amo enkora.
Senvaloras memoro,
se sen am' vivis koro...

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Malneto

En la franĝoj de l' ĉiutagaĵo,
mi kolektas momentojn
teksitajn el eterneco...
Jen la voĉo nuna
de l' pluvo kolera,
kiu ŝtelis la nokton
de l' novembra sabato,
kiel tiom da aliaj,
por ĉiam solecaj.

Juiz de Fora, 12/11/2016.

### Perdo

Estis tempo,
kiam mi volis
silentigi ĉiujn florojn,
elŝalti la birdojn,
kolekti la ĉielarkon,
forviŝi la sunon,
kaj volvi la tagon,
kiel tapiŝon eluzitan.

Juiz de Fora, 06/11/2016.

### Aleppo

Nek Alico, nek Dorothy:
siria sepjaraĝa knabino
piediras inter la ruinoj
de subcindra urbo
pro ĉiutagaj bombadoj.
Jam venis morgaŭo,
kaj ŝi ne ekscias.

Juiz de Fora, 23/11/2016

## Cezar (Germanujo)



### Ne pretekstu poezio

I

La preteksta poezio,
gravas nur por glorkron-dio,
konfuzigas poezio
pri preteksta nula io.

II

Nebulvandoj de pretekstoj
helpas ne pri bonaj tekstoj.
Poezio nin konfuzas,
se tamtamo vante ruzas.

III

Se pavverkas konfuzulo,
ĝi ne helpas eĉ al pulo.
Se la poetin' nur lindas,
ŝiaj versoj ne legindas.

IV

Se poeto grandan provas
kaj nur sterkon fine kovas,
ni kun rajto lin misfidas
kaj aplaŭdon nian bridas.

VI

Poezio estu multo,
sed neniam pura stulto,
kaj neniam falsa sento
en furzita brua vento.

VII

Poezio veku sentojn,
foje ankaŭ akrajn dentojn,
sed neniam ĝi deliru
aŭ miasmojn nur elspiru.

IIX

Poezio estu vera,
delikata kaj tenera;
kaj ĝi estu pli ol tio,
foje eĉ jubila krio.

IX

Poezio estu homa,
ekster si kaj eĉ endoma;
poezio estu ĉio,
kruda dir' kaj ĝojebrio.

X

Ne pretekstu poezio,
ĉar sur ver' sin bazas ĉio;
flustru poezi' kun honto
kaj fanfaru sur la monto.

## Mori (Usono)



AFORISMe(17)

Mi estas tiu,
kiun vi vidis,
ne tiu pri kiu
vi aŭdis!

***

Homo
ja devas pensi
pri l a jena decido,
vivi ...
ĉu kiel lupo
aŭ homido?

***

Kie ĉiu homo zorgas
nur pri sia afero,
baldaŭ ĉiuj suferas
en komuna mizero.

***

En ĉi tiu urbo-ĝangaloj
la plej sovaĝaj animaloj.
estas ĝentilaj rivaloj.

***

Se vi volas brili
kiel Stelo
brulu ĉiam
samkiel kandelo.

***

En la paco-tempo,
eĉ diablo aspektas
kiel kolombo.

***

Kie regas
justeco kaj libero,
tie estas
paradizo
sur la tero.

***

Se la plejmulto
estus respondeca
apenaŭ ekzistus
politikisto maldeca.

***

Homoj
similas nature
sed diferencas kulture.

***

Aĉeti birdon
en la aero,
estas stulta afero.

***

Kie troviĝas
naivaj personoj
tie certe svarmas
friponoj.

## Ivanichka Magharova (Bulgario)



Ereta neĝo
Milda vintra heroldo.
Ŝutkovras l' teron.

La glasoj malplenaj
La vortoj jam diritaj.
Prujno sur la l’ glasoj.

En la kameno
paliĝas la ardaĵo
Paŝoj de cervin’

Soleca grilet’
venis al mi gaste. kaj
ni trinkis kafon.

## Takashi Ito (Japanujo)



### trista vaganto ...

supren rigardi ...
ĥaoso farita de
aŭtunaj birdoj

trista vaganto ...
nebulpluvo veadas
tra la kvartalo

jen silueto ...
alt-flugas aŭtuna korv'
en vesper-ruĝo

jen blanka ombro
super arĝentaj herboj
la luno restas

ho, Monto Fuĵi
neĝokovrita pinto
plinto de nuboj



## Manuéle Rovere (Italujo)



### LA TRANSFERKURTENA KORAMIKINO

(kantteksto)

Iam havis mi koramikinon
trans la ferkurtena landlimo;
ni korespondadis kelke da jaroj kun ĝojo.
Niaj sentoj iĝis tre intensaj, naskiĝis Amo granda.
Estis bona trejnado por novlernanto
de l’Internacia Lingvo Esperanto.
Fine venis Universala Kongreso en ŝia lando.
Renkontiĝis ni, neglektis kongreson kaj mi memoras
pri la belaĵoj, kiun mi lernadis de ŝi:
pasio kaj amo sur herbejo, sub lunradi’
kaj la nokto, kiam ni dormis sub stelkovrilo.
Vilaĝeto, domo tre modesta,
gento ege ĉarma kaj honesta,
ĉiuj ĝojis regali min per manĝaĵoj, drinkaĵoj:
ŝinko aŭ fromaĝo, biero aŭ brando… sed mi forgesis
la guston kaj parfumon de ilia bonaĵ’,
memoras mi nur la poezion en la verdaĵ’
kaj la fojon, kiam demetis ŝi la ĉemison.
Perletere flugis varma sento,
revis ni, ke venos la momento
kiam falos la ferkurteno, revivos libero
kaj, senbare, povos ni renkontiĝi kaj ĉiam resti kune.
Falas la mureg’ sed ŝi plu ne amas min,
granda festo por ĉiuj, ne por mi en Berlin’,
la tuta mondo ĝojas, celebras la tuta homaro,
sangas mia kor’, kolektas riunaĵojn de nia amo.
Samtempe falis ŝia amo kaj la mureg’.
Ĉu povas forblovi ĉion de liber’ la venteg’
el virina koro? Kolektas mi ruinaĵojn.
Kie jam nun troviĝas tiu koramikin’?
La dezir’ de ŝiaj varmaj, dolĉaj kisoj, sen fin’,

memorigos min
pri mia amo perdita.

**La Germanoj certe memoras. Sed ĉu ĉiuj, kaj precipe la eŭropanoj, memoras pri tio?*

*La 9an de novembro 1989 falis la murego de Berlino aŭ, pli ĝuste, oni faligis ĝin. Samkiel ĝia konstruo, la falo signis gravegan momenton en la homa historio.*

*Mi proponas kanton, kiu multe rilatas al tiu evento, por bedaŭri kaj atentigi pri la renaskiĝantaj egoismo kaj naciismo en Eŭropo, kio riskas ne nur faligi la revon pri UNUIĜINTA EŬROPO sed dispecigi la union en kelkajn dekojn da kompatindaj landetoj.*

## Papos Nascentes (Brazilo)



### Egalrajta komunikado

Esperant' demokratias
ĉiu civitan' egalas
tra ĝi ja internacias:
lingvobaroj tuj disfalas

la mondo fine konstruas
interlingve novan ordon
la popolo gaje ĝuas:
Esperanto boras pordojn

tra la pordoj sentoj fluas
koroj tuj komunikiĝas
al homfratec' kontribuas:
la homaro kunfratiĝas

kreiĝas per poezio
(finiĝas do mia kanto)
tempo jen de harmonio:
mirindaĵoj de Esperanto

silentas nun ĉi kantist':
kial nu nin surprizigas
la tipa esperantist'?

### Soleca zumado

en la metalaj oreloj de l' nokto
soleca kulo ... zum-zumadas
ampleksigas sentojn, flikajn songôojn

la poeto zume zumadojn rekomponas
envicigas misterojn jarmilojn - ico
de cerboj ĵus konektataj
al falsotempa samtempeco
sinsekva – malprecize vasta

sintrenas kurbe reptiliaj
tujaj jarmiloj
aliniiĝas limbaj jarcentoj
lekante idojn, nudajn amatajn

amaso da infanaj etaj animoj
ĉirkaŭe de flamardaj ventoj
grimpas neokortike minutojn

sinoferas poemoj ritmoj incensoj:
tempo malvastiĝante zumas
plidense vibras
aŭdas mi la fulmobrilon
de l' palaj ekbriloj
vidas tien reen la zuman sonon:
bremsas mi konsciencon zumedrone
... kaj (re)naskiĝas

reaŭdas mi la metalan zumadon
de solecaj kuloj noktaj
la espero: iam fine
vekiĝi!

## Casimiro de Abreu (1839-1860)



### Mi okjare

Ho kiom foras al mi
l' aŭror' de l' unuaj jaroj,
la infanecaj nektaroj,
ho kiom foras al ami!

Ho amo, ho songôj, ho floroj

de tiuj plaĉdonaj vesperoj,
ombre de, dum la someroj,
la vasta anakardi'.

Kiom belbelas la tagoj
de l' ekaper' de l' ekzisto:
l' anim' puras sen rezisto
kvazaŭ plej parfuma flor'...

Jen la mar' , serena lago,
mantel el blu' l' firmamento,
la mond' orsonĝ' en torento,
la viv' amhimno el kor'!

Kiaj radiaj matenoj ,
kiaj noktoj melodiaj ,
la dolĉo de l' ĝojoj miaj
laŭ sankta neniofar' !

Stelbrodade la ĉielo ,
la ter' aromoplenplene,
la sablon l' ondoj kise vene,
la lun' kise al la mar'!

Ho tagoj de l' infanaĝo!
Ho printempega ĉielo!
Ho vivo, vi dolĉmodelo,
de maten' al tagofin'!

Anstataŭ l' nunaj ĉagrenoj
nur karesoj al mi aris,
el patrino, kaj kromkaris
kisoj de mia fratin'!

Fil' libera de la montoj
mi iris, kontent' je l' gusto ,
ĉemiz' malferma ĉe l' brusto-
piedoj, brakoj: ho nud'!

Kurade tra l' ebenaĵoj
ĝis murmuraj akvofaloj
post bluaj fuĝantaj aloj
de l' papilioj, ho lud'!

En tiuj bonŝancaj tagoj
la rikolton de pitangoj
mi egemis, kaj de mangoj,
kaj liberkuris laŭ l' mar'!

Ĉe ĉiu vesper' mi preĝis
sub eterne ĉiel' bela,
ridete ekdormis ĉe la
vol' ke tuju l' tagoklar'!

Ho kiom foras al mi
l' aŭror' de l' unuaj jaroj,
la infanecaj nektaroj,
ho kiom foras al ami!

Ho amo, ho sonĝoj, ho floroj
de tiuj plaĉdonaj vesperoj,
ombre de, dum la someroj,
la vasta anakardi'.

*Esperantigis*



**Ŭel Roŝa (Brazilo)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

## ĈAPITRO OKA

# Palmopiedaj fingroj

**§08-01**

La pieda dikfingro kuniĝanta kun la apuda piedfingro kaj la manfingro supernombra estas denaskaj, sed ili estas pli ol tio, kion ordinaruloj devas ricevi. Verukoj kaj tumoroj kreskas el la homa korpo, sed ili estas

kontraŭnaturaj aldonaĵoj. La ekscesa praktikado de la humaneco kaj la justeco, kiuj estas komparataj eĉ kun la kvin internaj organoj de la homo, ne estas la ĝusta metodo por alproksimiĝi al la esenco de la Taŭo. Tial la kuniga parto inter la palmopiedaj fingroj estas nur peco da senutila karno; la fingro aldona al la mano estas nur senutila fingro. La ekscesa aldono al la homa naturo — la superflua praktiko de la humaneco kaj la justeco — estas kvazaŭ nur misuzo de la aŭda kaj vida kapabloj.

Tial tiuj, kiuj kun eksterordinara vidado, povas esti konfuzita de la kvin koloroj kaj droni nur en blindige buntkoloraj ornamaĵoj kaj desegnaĵoj. Ĉu do tio ne estas vera? La vida akreco de la mirinda akrevidulo Li Zhu servas al ni kiel bonega ekzemplo.

Tiuj, kiuj kun eksterordinara aŭdado, povas esti konfuzita de la kvin tonoj kaj droni nur en diversaj belegaj muziksonoj. Ĉu do tio ne estas vera? La aŭda akreco de la majstro-muzikisto Shi Kuang servas al ni kiel bonega ekzemplo.

Tiuj, kiuj troaltigas la humanecon, povas distordi sian naturon por ĉasi al si famon instigante la tutan mondon observi tiujn neatingeblajn doktrinojn. Ĉu do tio ne estas vera? Zeng Can kaj Si Qiu servas al ni kiel bonegaj ekzemploj.

Tiuj, kiuj dronas en la arto de argumentado, povas amasigi vortojn sur vortojn, ligi senutilan argumenton kun alia, distordi la sencojn kaj ĵongli per la konceptoj "malmoleco" kaj "blankeco" aŭ "identeco" kaj "diferenco", penante serĉi al si portempan famon. Ĉu do tio ne estas vera? Yang Zhu kaj Mo Di servas al ni kiel bonegaj ekzemploj.

Unuvorte la supre menciitaj homoj ĉiuj estas ekzemploj de heterodokseco, kiu ne konformas al la perfekta maniero de la vivo en la mondo.

**§08-02**

La perfekta maniero de la vivo ne devias de la esenco de la denaska naturo kaj de la destino. Tial la nature kuniĝantaj piedfingroj ne devas esti konsiderataj kiel palmopiedaj; la nature supernombra manfingro ne devas esti konsiderata kiel superflua; tio, kio estas nature longa, ne devas esti konsiderata kiel supermezura; kaj tio, kio estas nature mallonga, ne devas esti konsiderata kiel nesufiĉa. Jen kial la kruroj de anaso, kvankam tre mallongaj, ne povas esti plilongigitaj, alie ĝi ĉagreniĝus; kaj kial la kruroj de gruo, kvamkam tre longaj, ne povas esti mallongigitaj, alie ĝi afliktiĝus. Tial, tio, kio estas nature longa, ne devas esti mallongigita; tio, kio estas nature mallonga, ne devas esti plilongigita. Tiamaniere ekzistos nenia maltrankvilo, nek ĉagreno. Nu, ĉu do la humaneco kaj la justeco ne estas konsistaj partoj de la homa naturo! Alie, kial tiuj, kiuj praktikas ilin, devas havi tiom multe da maltrankvilo kaj ĉagreno?

Plie, tiuj, kiuj havas palmopiedajn fingrojn, povos plori, se oni tire apartigos la kuniĝantajn fingrojn; tiuj, kiuj havas supernombran manfingron krios de doloro, se oni formordos la fingron. Ambaŭokaze, aŭ estas superflue, aŭ estas nesufiĉe, la maltrankvilo kaj ĉagreno estas la samaj. En la hodiaŭa mondo tiuj, kiuj praktikas la humanecon, rigardas la senordan socion per tristaj okuloj; tiuj, kiuj ne praktikas la humanecon, avide ĉasas honorojn kaj riĉaĵojn, forlasante la esencon de sia denaska naturo kaj la destino. Certe la humaneco kaj la justeco ne estas konsistaj partoj de la homa naturo! Alie, kial estas tiom multe da bruado kaj klopodado ekde la malproksima tempo de la tri dinastioj Xia, Shang kaj Zhou?

Krome, tiuj, kiuj uzas kurbilon, rektoŝnuron, cirkelon kaj ortilon por fari ĝustigon al objektoj, malfortigas ilian naturon; tiuj, kiuj uzas ŝnuron, gluon kaj lakon por kunligi aŭ kunfiksi objektojn, detruas iliajn kvalitojn; tiuj, kiuj uzas la ritojn kaj la

muzikon, la humanecon kaj la justecon, por obeigi kaj konsoli la homojn, difektas ilian originan naturon.

La estaĵoj en la mondo havas ĉiu sian naturan staton. La nature kurba ne estas farita tia per kurbilo; nek la nature rekta per rektoŝnuro; nek la nature ronda per cirkelo; nek la nature kvadrata per ortilo. Simile, la natura kuniĝo ne estas la rezulto de la uzo de gluo aŭ lako, nek la natura kunligiteco estas la rezulto de la uzo de ŝnuroj.Tial la estaĵoj en la mondo vivas naturan vivon sen scii, kial ili estas vivaj, kaj nature akiras ion sen scii, kial ili akiris tion. Kiel en la antikveco, tiel en la nuntempo, la vero estas la sama; ĝi neniel povas esti ignorata. Kial do la humaneco kaj la justeco devus esti uzataj kiel gluo aŭ ŝnuro inter la Taŭo kaj la virto por konfuzi la mondon?

*elĉinigis*



**Wang Chongfang**
**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



## Mono kaj justeco

el rakontoj pri Afanti
—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

La reĝo
kun moka tono
ĉuis al Afanti:
“Jen justeco kaj mono,
laŭ via kono,

kiu pli
valoras al vi?”
Afanti tuj respondis:
“Monon ja preferas mi,
ĉar ĝi gravas pli.”

“Kia vir’,
Afanti!” vere
kriis la reĝ’ dubeme,
“Jen por diri sincere,
mi ja prefere

elektus
justecon male,
ĉar ĝi pleje valoras.”
sed mon’ aspektas pale
kaj triviale.”

Afanti
replikis pike:
“Homo volas nur kion
li malhavas praktike,
senartifike.”

## Kvarpieda reĝo

el rakontoj pri Afanti
—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Afanti
pro okulinflam’
ne povis vidi klare,
sed la reĝ’ ordonis jam
al li kun malam’

rigardi
distinge tion
kaj alion ruze por
montri siajn envion
kaj ironion.

Li moke
ĉuis per voĉbru’:
“Afanti, je via vid’,
via azen’ nur unu
fariĝis du, ĉu?

Ja vere

jam riĉiĝis vi!”
Afanti tuj respondis:
“Via moŝto, laŭdu mi
pri via magi’.

Vi vere,
laŭ vido mia,
fariĝis kvarpieda
azeno jam senscia
kaj apatia.”

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimarangô xa,xa,a (x=senrima).*

## Aleksandr Starostin

# Eŭgena

Mi loĝis en Moskva regiono en somerdomo en vilaĝo Ĥlebnikovo kun gepatroj. Mia aĝo estis sep jaroj. Foje al ni venis najbarino, kiu ĵus alveturis el Moskvo. Mia panjo, kiam ekvidis knabinon, admiris:

– Mia Dio! Kia estas ĉarma infano! – ekkriis ŝi.

Sed najbarino sektone rimarkis, ke ŝi estas ne infano sed vera “diablido”.

Efektive knabino estis tre ĉarma. Ŝi estis vestita per blanka ĉapeto kun grandaj lanaj globetoj je ŝnureto, samaj blankaj lanaj gantoj kaj botetoj. Kaŝtankoloraj haroj, kiuj elstaris el sub ĉapeto, enkadrigis nemulte brunhaŭtan vizaĝeton kun grandaj brunaj esprimplenaj okuloj. Ŝi staris aŭskultante, kion pri ŝi oni parolas kun anĝela mieno en vizaĝo.

Al mi oni ordonis promeni kun ŝi kaj rigardi, por ke ŝi ne malpuriĝu, ĉar vetero estis malseka kaj malvarma. Ŝia panjo kelkfoje diris al mi, por ke mi konstante rigardu ŝin, ĉar ŝi povas fiagi. Mi komprenis ŝian panjon laŭlitere kaj elirinte al strato fiksrigardis knabinon. Nomo de knabino estis Eŭgena. Ŝi efektive estis ĉarma. Mi rigardis ŝiajn grandajn, brilajn, kiel maturajn ĉerizojn, okulojn plenajn pro admiro kaj feliĉo kaj ne povis kompreni, kial ŝia panjo tiel malbone parolas pri ŝi, kaj kion ŝi povos fiagi. Dum ioma tempo ni tiel staris rigardante unu la alian. Ŝi hipnotigante min per siaj okuloj komencis malrapide sidiĝi malsupren. Mi kun teruro ekvidis, ke ŝi enakvigis siajn blankajn langantojn en flako. Pro subiteco mi malfermis buŝon kaj ne povis paroli eĉ unu vorton. Sed ŝi daŭrigis rigardi min, ŝia rigardo kvazaŭ parolis: “Nu vi ne prizorgis min”. Kun tia virina malico mi renkontiĝis unue en vivo. Mi staris kaj ne komprenis, ke mi devas fari plu: aŭ eligi ŝin el flako, aŭ voki ŝian panjon. Sed ŝia panjo ne esperante al mi konstante rigardis tra fenestro. Ekvidinte, kio okazas, ŝi elkuris al strato, kaptis Eŭgenan laŭlarĝe de ventro kiel katon kaj portis ŝin hejme. Ŝi pendis je mano de panjo ne malcedinte. Akvo per fluetoj defluis de sur langantoj. Mi malĝoje iris poste imagante, kiel oni punos min. Min oni insultis pli multe ol Eŭgena. Mia panjo indignis, ke oni ne povas konfidi al mi eĉ tian malgrandan knabinon.

Pasis kelkaj tagoj, kaj najbarino ree venis al ni paroli kun mia panjo. Ĉifoje Eŭgena staris kun sia panjo kaj rigardis ĉambron, en kiu ili parolis. Ŝia panjo nenien ellasis ŝin, por ke ŝi ne fiagu. Mia panjo proponis, ke mi ludu kun Eŭgena en mia ĉambro. Dum tio ili ordonis al mi interesigi ŝin per io, montri ludilojn, por ke ili trankvile parolu.

Mi elmetis keston kun ludiloj kaj komencis al ŝi ĉion montri: stanajn soldatetojn, motorciklon, kanonon, kubetojn kaj aliajn miajn riĉaĵojn. Ŝi rigardis ĉion sen intereso sed ekvidinte en angulo de kesto malgrandan pluŝan ursidon rapide kliniĝis kaj prenis ĝin. Ŝi elmetis el poŝo puntan naztukon kaj komencis vindi en ĝi ursidon. Mi kaj ŝi okupis pri sia afero. Mi elmetis, starigis kanonojn, aŭtetojn. Eŭgena farinte el kubetoj liton kuŝigis en ĝi ursidon.

Post ioma tempo panjo de Eŭgena rigardis

al mia ĉambro kaj demandis:

– Kie estas Eŭgena?

Mi estas mirinta, ke ŝi ne estas. Kiam ŝi sukcesis malaperi? Tio estis por mi neatendita novaĵo. Ĉiuj komencis serĉi knabinon. Ni serĉis ĉie. Ŝia panjo malfermis ŝrankojn, rigardis en korbo por tolaĵo, en kofro, en valizo, sed ŝi estis nenie. Knabino simple malaperis. Mi eĉ ne povis supozi, kie ŝi estas. Ni komencis serĉi en alia ĉambro, en panja dormoĉambro. Ĉi tie mia panjo subite en teruro ekvidis, ke sur ideala ordigita lito aperis malpuraj flavaj makuloj. Ĝenerale gepatra lito estis unu el sanktaj aĵoj en nia hejmo. Blanka kiel neĝo, ideale glata, kun punta superkovrilo, ĝi estis simbolo de ideala ordo en hejmo. Al mi oni malpermesis eĉ aliri al ĝi. Panjo levis superkovrilon, kaj ni ekvidis tie sidantaj Eŭgenan. Sed (mia Dio!) ŝi tute estis en ciro: haroj, vizaĝo, manoj – ĉie estis ciro. En manoj ŝi tenis broson kaj vazon kun ciro. Ŝi trankvile rigardis nin eĉ kun malkontento, ĉar ni malhelpis al ŝi okupi sin pri grava afero. Panjo de Eŭgena sen emocioj silente elmetis ŝin el sub lito, petis al mia panjo kerosenon kaj komencis lavi ŝin. Poste oni envolvis ŝin en granda varma viŝtuko kaj portis al hejmo. Ĉifoje oni ne insultis min. Ĉiu veno de Eŭgena estis akompanata per ia okazaĵo. Mi kaj mia panjo sciis, ke ni devas esti tre atentemaj, sed ĉiufoje ŝiaj ekstravagancoj surprizis nin. Ŝia ĉarmo neniel konformiĝis al ŝiaj petoloj, kaj tio konstante embarasis nin. Fine ŝi forveturis al Moskvo.

Sekva vizito de Eŭgena estis jam en somero. Ŝia apero estis neatendita. Ŝajnis al mi, ke ŝi adoltiĝis, kvankam ŝi aspektis kiel antaŭe. Ŝiaj haroj estis akurate kaŝitaj kaj alpinglitaj per harpingloj kun blankaj floroj, rozkolora robeto estis kun multkoloraj poŝetoj. Ŝi estis vestita per brunaj sandaloj kaj blankaj duonŝtrumpoj kun ĉielbluaj bantetoj. Panjo tenis ŝin je mano. Ekvidinte min Eŭgena provis liberiĝi. Panjo ellasis ŝin dum tio rimarkinte, ke ni ne malaperu el vidado. Eŭgena tre ĝojis pro mi. Mi prenis ŝian manon kaj kondukis ŝin montri nian legomĝardenon. Mi kandukis ŝin laŭ diversaj bedoj montrante, kio kie kreskas. Eŭgena rigardis, aŭskultis, sed mi rimarkis, ke tio malmulte interesigis ŝin. Mi konstante pensis, kion mi montros al ŝi, per kio mi povas mirigi ŝin! Kaj tuj mi rememoris amuzon de knaboj. Ili prenis najlon, enbatis ĝin en branĉeto de trabo. Poste ili elmetis najlon kaj metis en farita aperturo sulfon de alumetoj. Poste ili ree enmetis najlon kaj neforte batante al ĝi ebenbatis sulfon. Fine ili forte batis najlon, kaj okazis eksplodo – branĉeto krevis. Mi decidis montri tion al Eŭgena. En korto kuŝis trabo kun granda branĉo. En remizo mi trovis grandan najlon kaj komencis enbati ĝin al branĉo. De tempo al tempo mi balancis najlon, elmetis ĝin, ree enmetis daŭrigante larĝigi aperturon. Kiam aperturo estis pretita, mi komencis meti en ĝi sulfon de alumetoj. Mi uzis preskaŭ plenan alumetujon. Enmetinte najlon mi neforte ebenbatis sulfon. Eŭgena ne dirinta dum tio eĉ unu vorton kun grandega intereso rigardis min per siaj grandegaj okuloj kiel magon kaj sorĉiston. Samtempe kompreninte danĝeron de miaj agoj ŝi komencis malrapide deiri. Kaŝinte sin post ribarbusto ŝi rigardis de tien tra folioj. Mi mem komprenante danĝeron de miaj agoj ne povis halti en mezo de vojo. Alliginte al ŝnuro brikon mi grimpis al betulo. Sidinte sur branĉo mi per ŝnuro levis al mi brikon. Deliginte brikon de ŝnuro mi celis kaj ĵetis brikon. Briko trafis precize al najlo. Okazis laŭtega eksplodo, najlo flugis preter mia orelo, ĉielblua fumo volvekovris min. Spasme spirante mi kun peno tenis sin sur branĉo. Ambaŭ panjoj alkuris al loko de tiu evento. Ili ekvidinte vivan kaj sendifektan Eŭgenan komencis serĉi min.

Mi ne faris pri mi neniajn signojn. Sed bedaŭrinde mia panjo ekvidis min kaj tuj komprenis ĉion. Laŭ ŝia mieno mi komprenis,

ke estos pli bone, se mi en plej proksima tempo ne malleviĝos de betulo. Panjo de Eŭgena prenis ŝian manon kaj kondukis ŝin al pordeto de barilo sed poste haltis kaj diris al mia panjo, ke ŝi ne punu min. Sed mia panjo turninte sin al mi minacis min per pugno. Ili daŭrigis paroli, sed Eŭgena turniĝis provante liberiĝi el mano de panjo. Fine panjo ellasis ŝin, kaj ŝi alkuris al mi, al betulo, sur kiu mi sidis. Ŝi rigardis min kun admiro, timo kaj scivolemo.

– Ĉu vi konstante sidos sur betulo?

– Jes, pro tiaj cirkonstancoj.

– Mi morgaŭ venos al vi.

– Bone, venu.

Pordeto de barilo ekknaris, patro venis post laboro.

– Ĉu vi fiagis?

– Jes.

– Ĉu vi ree eksplodigis ion? Iam tio finiĝos malbone. Nu bone, malleviĝu, ja vi konstante ne sidos sur betulo.



*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

Mi malleviĝis. Al mia miro gepatroj insultis min ne longe.

En tiu somero estis multaj fulmotondroj. Ofte estis mallongaj pluvoj kun fulmoj kaj laŭtaj tondroj. Mi antaŭe neniam timis fulmotondrojn, sed foje mi vidis, kiel domo en vilaĝo ekflamis pro fulmo. Fulmotondro preskaŭ foriris, homoj komencis eliri al strato, sed tuj subite aŭdiĝis bato kaj krako, kvazaŭ rompiĝis seka arbo. Ekbrulo dum sekundo blindigis ĉiujn. Tegmento de unu somerdomo ekfumiĝis, kaj post momento aperis flamo. Ĉiuj tuj rigidiĝis ne sciante, kion ili devas fari. Poste ili komencis kuregi laŭ vilaĝo pro serĉado de siteloj kaj aliaj rimedoj de estingado. La domo en tiu tempo jam tute forbrulis. Tio tiel timegis min, ke mi komencis timi fulmotondrojn.

En unu el tiaj tagoj kiel kutime lumis suno. Sed en rando de ĉielo komencis aperi nubego, ĝi tre rapide mallumiĝis. Oni povis senti en aero ian maltrankvilon, kiu pligrandiĝis laŭ proksimigo de nubego. Ĝia koloro estis blua-nigra kun blankaj randoj. Ĝia rando preskaŭ atingis sunon, kiu ne kapitulacis kaj varmege lumis. Ĉio haltis kiel antaŭ ia neevitebla evento. Ne estis eĉ eta vento. Mi miris, kiel movis nubego, se ne estas vento. Maltrankvilo pligrandiĝis. Mia panjo diris, ke estas tre malbone, kiam nubego estas kun tia blanka rando. Tio signifas, ke estos tempesto. Rando de la nubego moviĝis al suno, la rando similis volvaĵon de malpura nigra vato, kiu ade tordiĝis kaj tiris post si grizan litkovrilon. Fine nubego glutis sunon. Iĝis tiel mallume, ke en domo post hela suno oni ne povis moviĝi, konstante puŝiĝis al io. En mia animo estis paniko. Homoj kuris laŭ strato demetante sekiĝintan tolaĵon, fermante fenestrojn, enirigante al hejmo infanojn, kokojn, kaprojn. En nenatura malbruo aŭdiĝis apartaj ekkrioj, frapado de ŝutroj, de pordoj. En aero oni tre forte sentis streĉon. Neatendinte aperis forta vento. Polvo kiel nubo flugis en aero, arboj bruante per folioj sterniĝis laŭ tero. En aero flugis pecoj de tegmentoj, tolaĵo, ia balaaĵo. Subite terura tondrobruo samtempe kun ekbrulo de fulmo skuis ĉion ĉirkaŭe. Mi en teruro rampis sub tablon. Aŭdiĝis pli terura bruo, kaj fulmoj trapikis spacon. Pligrandiĝis ia bruo – pluvego, kiel muro, iris laŭ vilaĝo. Post kelkaj sekundoj trans fenestro oni ne povis vidi ajn ion. Ŝajnis, ke de sur ĉielo falis akvofalo. Mi tremis pro timego. En ĉiu sekundo audiĝis batoj de tondro, multfoje eĥis kunfluiĝante de tempo al tempo en longa bruo,

kiu kondukis min ĝis furiozo. Ŝajnis, ke ne estos fino de tiu terura spektaklo. Pluvo estis malrekta kun vento kaj tiel verŝis en fenestrojn, ke de sur fenestrobretoj akvo per mallarĝaj strifluoj defluis al planko formante flakojn, kiuj disfluis laŭ tuta planko. Panjo ne sukcesis forviŝi ilin per ĉifonoj. Kaj jen laŭgrade batoj de fulmotondro iĝis pli malofte kaj pli malproksime, bruo de vento malpligrandiĝis kaj baldaŭ malaperis tute. Iĝis tre mallaŭte. Mi rigardis tra fenestro. Oni ne povis rekoni korton. Ĉiuj bedoj estis superakvitaj per argila likvaĵo, frambujo kaj floroj kuŝis, tegmento de remizo ialoke estis deŝirita. Iĝis lume, sed de sur ĉielo falis ia akva polvo. Aperis suno komence kaŝita per travideblaj nubetoj kaj poste liberiĝinta al pura ĉielo. Iĝis tiel bone en animo, ke mi volis salti pro feliĉo, pro tio, ke ĉio fine finiĝis. Mi demetis botojn kaj nudpiede eliris al strato. Ĉie kuŝis rompitaj branĉoj, en mezo de strato kuŝis rompita betulo, kiel grandega nigra araneo kuŝis elŝraŭbita ĝia radiko. Flakoj kovris preskaŭ tutan straton, ili estis varmaj, de ili leviĝis vaporo. Sur sojlo de najbara domo staris Eŭgena. Mi komencis svingi manon invitante ŝin promeni. Ŝi eniris al domo kaj eliris jam kun panjo. Ŝia panjo ekvidinte min ellasis Eŭgenan dirinte al mi, por ke mi tenu ŝin je mano, por ke ŝi ne falu en flako. Eŭgena demetis ŝuojn, kaj ni iris mezuri flakojn. Unue mi sentis respondeco pro ŝi, ĉar plenaĝuloj ne estis, kaj nur mi povis defendi ŝin kontraŭ danĝero. Estis agrable teni ŝian manon, al mi ŝajnis, ke tra ŝia manplato al mi enverŝiĝis sento de ia neordinara ĝojo.

Nia promeno finiĝis kiel kutime, ni tute estis malsekaj kaj malpuraj sed tre kontentaj. En tiu somero mi kaj Eŭgena tre amikiĝis. Ŝi forveturis neatendinte, mia panjo diris, ke ili forveturis al Svisio al patro, kiu laboris tie en ambasadorejo. Al mi sen ŝi iĝis tre sole. En sekva somero ili ne alveturis.

Pasis jaroj, Eŭgena ne aperis, mi jam komencis forgesi pri ŝia ekzisto. Sed subite foje mi ekaŭdis, kiel mia panjo vokis min:

– Aleksandro! Aleksandro! Rigardu, kiu venis!

Apud pordeto de barilo staris ambaŭ: plenaĝa virino kaj tre bela junulino. Mi tre miris ĉar rekonis en tiu junulino Eŭgenan. El malgranda knabino ŝi iĝis pompa junulino. Ŝi staris apud sia panjo, kaj ŝia alteco estis preskaŭ tia kiel ĉe ŝia panjo. Ŝi estis vestinta sin per nur fremdlandaj vestoj. Kaŝtankoloraj haroj kiel ondoj kuŝis sur ŝiaj ŝultroj, buklo kiel malpeza risorteto malsuprenpendis apud ŝia orelo. Densaj okulharoj kaŝis ŝiajn profundajn malhelajn okulojn. Lipetoj estis kiel rozkolora banteto. En tuta ŝia aspekto estis ia deflankigeco, kaj eĉ negranda fieregeco. Mi unue subite ekĝenis sin pro mia tro simpla vesto kaj ĝenerale iel ĝene sentis min apud ŝi. Ŝi estis tro pompa. Ŝia panjo salutis min, diris, ke mi tre elkreskis. Eŭgena kapoklinis al mi kaj diris france:

– Bonĵur (Saluton).

Mi rigardante Eŭgenan unue sentis tempon. Kiel tempo ŝanĝas ĉion! Tuta ŝia aspekto parolis, ke ŝi al mi estas ne egalulo, kaj mi subite ne decidu kun ŝi simple interkomunikiĝi. Ili venis adiaŭi, ĉe ili estas nova somerdomo en vilaĝo Valentinovka. Mia panjo tre ĝojis pro renkontiĝo kun malnovaj amikoj kaj konstante admiris Eŭgenan kiel tiam en unuafojo. Sed al mi ial iĝis malgaje.

*Esperantigis*

**Igorj Ĥomjakov (Rusio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_